TEĴA
- INFOMILO -

INFORMILO de TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO.
Prezidanto: Ĉefredaktoro C.Hilmer Johansson, "Östgöten" LINKÖPING, Svedl.
Sekretario-kasisto: Red. Einar Adamson, Värmlandsg.18, GÖTEBORG, Svedlando

8/9

## B_E_L_E_G_A_ V_E_R_K_O_ L_A_Ŭ_ B_O_N_E_G_A_ I_D_E_O_

KOMPILITA, TRADUKITA KAJ ELDONITA DE LA JAPANA TEĴA/MEMBRO T.KURISU, OSAKA.

Bonege laboras nia japana amiko kaj TEĴA-membro, la verkisto T. Kurisu. Ne nur kiel verkisto kaj ĵurnalisto, sed ankaŭ kiel bona esperantisto, unuaklasa propagandisto, uzante peresperanta metodo.

Mi pensis pri tio tuj kiam mi vidis lian novan libron kun la efektive trafa nomo: "LA SAMA SUNO LUMIGAS LA MONDON".

Estas kolekto de leteroj antaŭ-kaj postmilitaj de eksterlandaj samideanoj al T. Kurisu kaj de li tradukitaj en la japana lingvo. Sed ĉa titolo [illegible]

La libro estas eldonita de Librejo Kitaosi, Kioto, Japanio, 1949. kaj Kurisu dediĉas ĝin al sia franca amiko Honerè Bourguignon, kiu pereis en la koncentrejo de Dachau kiel viktimo de nazismo.

La libro konsistas de 58 leteroj el Nederlando, Svedlando, Danlando, USONO, Britio, Borneo, Ĉinio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Bulgario, USSR, Francio. Kune estas do 58 ĉapitroj en 326 paĝoj. Do, sufiĉe impona libro.

Inter la kunlaborantoj en la lirbo ni trovas ankaŭ TEĴA-membrojn. Mi mencias Imrich Zalupsky, Ĉeĥoslovakio, Ivan Esperov, Bulgario. Mi mem havas ĉapitron 12-paĝa pri TEĴA, vignete al tio ĉapitro estas TEĴA-INFOMILO kaj la sveda p.m. pri Alfred Nobel.

Teknike kaj ĵurnaliste la libro estas majstra kaj alloga. Ni esperas bonan sukceson al la libro kaj al nia bona kunlaboranto T.Kurisu.

Einar Adamson.

- - - - - - - - - - - -

K_O_L_E_G_O_J_,
Kiuj deziras reprezenti "Esperanto-Press" ĉe internacia konferenco, kongreso aŭ ekspoziĉio kiel "speciala korespondanto", bonvolu skribi al D-ro Hans Unger, Muhlebachstr. 47, ZURICH 8, Svislando, sufiĉe frue, por ke ni povu rajtigi ilin. Tielmaniere ni penetros, iom post iom, en la ĵurnalistan sferon tutmondan-per praktika laboro.

LA TEJA-ANOJ LABORAS PRAKTIKE POR KAJ PER ESPERANTO

D:ro Hans J. Unger, kiu redaktas la turisman gazeton "DIE REISE", Postfach 337, Zurich 22, Svislando, ofte publikigas artikolojn pri esperanto. En aug. n:ro 1949 ni trovas la artikolon: "Ein Ministerpräsident plädiert auf Esperanto".

Redaktoro Henry Karlsson, KISA, Svedlando en "Östgöten" skribis artikolon pri la vojaĝo al SAT-kongreso en Parizo. En la gazeto BRODERSKAP li publikigis longan artikolon pri la socipolitika kurso en Viskadalen.

Redaktoro Imrich Zalupsky, Košice, Ĉeĥoslovakio en Esperanto Slovaka /n:ro 4-5 -1949/ skribis pri "Praktikeco de Esperanto. Li mencias pri sia bona kunlaboro kun T.Kurisu, Japanio. Pri TEJA li skribas inter alie:
"Jam en pasintjara kolekto de nia gazeto mi skribis pri praktika uzo de Esperanto en ĵurnalista laboro. En tiu fako tre laŭdinda estas la laboro de la " Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio" / TEJA/, kiu organizas la peresperantan kunlaboron de ĉiulandaj ĵurnalistoj-esperantistoj. D:ro Unger en Svislando eldonas" Esperanto-Press"-internacian informan servon, kiu disponas eĉ pri foto-arĥivo. Esperanto fariĝas tiamaniere vere praktika ilo por internacia interŝanĝo de informoj kaj porgazetaj kontribuaĵoj "

Ĵurnalisto Wim Derks, Nederlando, novelektita en la estraro de TEJA kiu partoprenis en la socipolitika kurso en Viskadalen, Svedlando, skribis pri la kurso al la nederlanda ĉefministro W.Dress, kaj raportis al li pri la kurso kaj raportis ke svedaj gazetoj tradukis lian artikolon pri la indoneza demando, originale verkita en esperanto:
La ĉefministro Dress respondis:
" Mian plej bonan dankon pro via letero de julio pasinta kaj pro la ennetita artikolo pri Esperanto en la praktiko. Memkompreneble mi ŝate konstatis, ke la artikolo de mi pri la Hindonesia politiko verkita, trovis intereson en Esperantistaj rondoj kaj kontribuis al kompreno por la Nederlanda starpunkto.
La tuta kunveno en Svedio, kiun vi priskribis, denove atestas, kiom Esperanto kiel mondhelplingvo povas signifi por la internacia kontakto.
LA MINISTRO-PREZIDNTO/
W.DREES
Kabinet van den
Minister-president `s Gravenhage 8 Aug. 1949, Plein 1813 No 4

- - - - - - - - - - - -

Redaktoro Niilo Kavenius, TURKU, Finnlando, publikigis en la gazeto UUSI PÄIVÄ kelkajn artikolojn. La 24.5.1949 ni trovas atikolon pri la packongreso en Japanio. En sama n:ro estas skribite pri TEJA. En la n:ro de 1,5,1949 li tradukis artikolon pri la bulgara jurnularo; 18.5 pri Laborista movado kaj esperanto
En SANOMALEH TIMIES-JOURNALISTEN-finn-kaj svedlingva fakorgano de la ĵurnalista asocio -aprila n:ro-Kavenius publikigis longan artikolon pri esperanto kaj ĵurnalismo kaj pri TEJA.
En UUSI PÄIVÄ 9.9 Kavenius havas artikolojn pri esperanto, i.a. pri artikoldistrubado al aliaj landoj pere de TEJA . En la n:ro de 7.9 li tradukis artikolon el Bulgara TEJA-Bulteno.

Redaktoro JAN LAMACKA, Trenĉin, Ĉeĥoslovakio en la ĉiusemajna ĵurnalo "NEDELA havas konstantan kolonon pri esperanto sub la rubriko: "Samideano" .Parte estas en esperanto, sed la plej multa en ĉeĥa lingvo pri esperanto. Ni dankas pro la senditaj specimenoj.

Daŭrigo: Protokolo de Bournemouth

Kiajn favorojn povus akiri TEJA-membroj per siaj kartoj? La diskuto montras ke tiaj favoroj ,ekz. senpagaj vojaĝoj estas tre diversaj laŭ la landoj. Ni ne povas multe esperi,tamen TEJA povas helpi kiel peranto apud la naciaj ĵurnalistaj societoj aŭ aliaj naciaj instancoj.

S:ro Sekeli ,Argentino,pledetas ke plejmulte de esperantaj gazetoj ne estas ĵurnalismaj,redaktitaj de nefakuloj.Li deziras ke niaj gazetoj-almenaŭ unu-estu malpli " Revuoforma" kaj,eĉ se ĝi aperos nur ĉiumonate,pli konforma,laŭ formo kaj entenaĵo al ordinaraj ĉiutagaj gazetoj. Ni celu do al kreado de vera ĵurnalo,ne revuo,ĉu per eldono kiam la cirkonstancoj tion ebligos,ĉu per kunlaborado de TEJAanoj al aliaj gazetoj. Tiu propono estas unuanime akceptita.

Neniu plu petas la parolrajton kaj je 16.30 s:ro Julin fermas la kunsidon.

Bornemouth 9-an de augusto 1949
La sekretario

André Remond

Kontrolita: Teo Jung
Tibor Sekelj

PARTOPRENANTOJ EN LA KONFERENCO DE TEJA EN BOURNEMOUTH 1949

Einar Adamson,Göteborg,Svedlando
Teo Jung,Schweningen,Nederlando
Esbjörn Ahlqvist,Göteborg,Svedl.
Gustav Kühlmann,Kopenhago,Danl.
AndrèRemond,Parizo, Francujo
Gabriel Katzianka,Vieno,Aŭstrio
Gerald C. Tervis. Redduch,Angl.
Benjamin C.Camozato, Brazilio
Acidalia Línea Camozato,Brazilio
Bertha Petire,Londono,Anglujo
Tadros Megalli, Cairo,Egyptujo
Bodil Kühlmann,Kopenhago,Danlandon
T.L.C.Bluett,London , Anglujo
Chun-chan Yeh, Peiping,Cinio
Tibor Sekelj, Buenos Aires,Argent.
Asta Hansen,Slagelse, Danlando
O.Thormodsen,Aaugesund,Norvegio
Teodor Julin,Stockholm, Svedio
Eva Julin,Stockholm,Svedio,gasto
Giannelias, Gavles,Lyon,Francujo
G.E.Munn, SHEFFIELD,Anglujo
Albin Olsson, Linköping,Svedlando
Jan Strönne,Malmö,Svedujo,gasto
Inga Maj Adamson,Göteborg,Sved,gasto

Argentio 1, Austrio 1, Brazilio 2, Britujo 4, Cinujo 1, Danlando 3, Egiptujo 1, Francujo 2, Nederlando 1, Norvegio 1, Svedujo 7.

Obs.: Ni uzis ujo-io aŭ lando laŭ la skribmaniero de la diversaj membroj mem en la papero ,kiun cirkuladis dum la konferenco.

x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x

Daŭrigo: Protokolo de Bournemouth

Kiajn favorojn povus akiri TEJA-membroj per siaj kartoj? La diskuto montras ke tiaj favoroj ,ekz. senpagaj vojaĝoj estas tre diversaj laŭ la landoj. Ni ne povas multe esperi,tamen TEJA povas helpi kiel peranto apud la naciaj ĵurnalistaj societoj aŭ aliaj naciaj instancoj.

S:ro Sekeli ,Argentino,pledetas ke plejmulte de esperantaj gazetoj ne estas ĵurnalismaj,redaktitaj de nefakuloj.Li deziras ke niaj gezetoj-almenaŭ unu-estu malpli " Revuoforma" kaj,eĉ se ĝi aperos nur ĉiumonate,pli konforma,laŭ formo kaj entenaĵo al ordinaraj ĉiutagaj gazetoj. Ni celu do al kreado de vera ĵurnalo,ne revuo,ĉu per eldono kiam la cirkonstancoj tion ebligos,ĉu per kunlaborado de TEJAanoj al aliaj gazetoj. Tiu propono estas unuanime akceptita.

Neniu plu petas la parolrajton kaj je 16.30 s:ro Julin fermas la kunsidon.

Bornemouth 9-an de augusto 1949
La sekretario

André Remond

Kontrolita: Teo Jung
Tibor Sekelj

PARTOPRENANTOJ EN LA KONFERENCO DE TEJA EN BOURNEMOUTH 1949

Einar Adamson,Göteborg,Svedlando
Teo Jung,Schweningen,Nederlando
Esbjörn Ahlqvist,Göteborg,Svedl.
Gustav Kühlmann,Kopenhago,Danl.
AndrèRemond,Parizo, Francujo
Gabriel Katzianka,Vieno,Aŭstrio
Gerald C. Tervis. Redduch,Angl.
Benjamin C.Camozato, Brazilio
Acidalia Linea Camozato,Brazilio
Bertha Petire,Londono,Anglujo
Tadros Megalli, Cairo,Egyptujo
Bodil Kühlmann,Kopenhago,Danlandon
T.L.C.Bluett,London , Anglujo
Chun-chan Yeh, Peiping,Cinio
Tibor Sekelj, Buenos Aires,Argent.
Asta Hansen,Slagelse, Danlando
O.Thormodsen,Aaugesund,Norvegio
Teodor Julin,Stockholm, Svedio
Eva Julin,Stockholm,Svedio,gasto
Giannelias, Gavles,Lyon,Francujo
G.E.Munn, SHEFFIELD,Anglujo
Albin Olsson, Linköping,Svedlando
Jan Strönne,Malmö,Svedujo,gasto
Inga Maj Adamson,Göteborg,Sved,gasto

Argentio 1, Austrio 1, Brazilio 2, Britujo 4, Cinujo 1, Danlando 3, Egiptujo 1, Francujo 2, Nederlando 1, Norvegio 1, Svedujo 7.

Obs.: Ni uzis ujo-io aŭ lando laŭ la skribmaniero de la diversaj membroj mem en la papero ,kiun cirkuladis dum la konferenco.
X
x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x x

**KUNSIDO DE TEJA en la SAT-kongreso de PARIS**

**2-an de aŭgusto 1949**

La kunsido malfermiĝas je la 14.30. S:ro Andre Remond, SAT-peranto en Parizo konstatas la ĉeeston de
S-ino Hilda Stevens el Londono,
S:ro Henrik Karlsson el Kisa, Svedio
S:ro Otto Brandsma el Zwolle, Nederlando
s:ro Andre Remond el Parizo, Franci .

S:ro Remond demandas ĉu iu kandidatiĝas por la prezidanteco de la kunsido.
S:ro Karlsson jesas kaj estas unuanime akceptata.
Karlsson malfermas la kunsidon kaj petas s:ron Remond esti protokolanto. Li akceptas.
S:ro Remond legas la moralan raporton. La prezidanto demandas ĉu iu havas ion por diri pri ĝi.
S;ino Stevens ,pri la punkto, laŭ kiu la TEJA-anoj devas raporti la tendencon de sia ĵurnalo rimarkigas ke la ŝia estas informa, sentendenca kaj neŭtrala. Ĉiuj konsentas ke "sentendenca" estas ankaŭ informo utila por la adresaro.

Oni profitas la okazon por esprimi la deziron ke ĉiuj TEJA-anoj respondi plej akurate al la demandaro de la estraro kaj oni gratulas la kolegojn Johansson kaj Adamson, subskribintoj de la raporto.
S:ro Remond legas la financan raporton, kiu estas akceptita. Tamen, s:ino Stevens demandas kial TEJA pagas aliĝkotizon al U.E.A La klarigo estas ke tiu kotizo rajtigas al reklamo por TEJA en la jarlibro, kiu estas tauga. Cetere la demando ĉu TEJA povas konstitui frakcion en SAT ne estas aktuala. Ĝi estas nur diskutinda kiam TEJA-anoj-SAT-anoj- estos pli nombraj.
Nun venas la legado de la respondo de Adamson al la artikolo de Zalupsky, legado farita de A.Remond.
Post la legado la prezidanto demandas ĉu ni subtenas la respondon de Adamson? La respondo estas jesa kaj ke la ĉeestantoj fidas al la estraro: kaj estas konvinkitaj ke la estraro laboras por plibonigi nian asocion laŭ la eblecoj.
La prez. legas artikolon, aperantan en franca gazeto "L`Aurore", tradukita esperanton de amiko lia. Ĝi estis sufiĉe grava moko kontraŭ esperanto. La prez. proponas ke oni respondu al la aŭtoro. Propono akceptita. La artikolo estu transdonata al Adamson, pere de Remond, kaj se Adamson akceptas, li respondos mem, oficiale, je la nomo de TEJA. Se bezone, Remond helpos lin pri la franca redaktado de la respondo.
La lasta demando estas pri propono de kandidato kiel nova estrara membro, anstataŭanta s:ro Verner Ödegård, mortinta. Unuanime estas akceptata la kandidateco de s;ino Stewens el Londono.
Ne plu estas diskutotaj demandoj. La prezidanto dankas al ĉeestantoj.
Estas decidite transdoni al la TEJA-kunsido de Bournemouth la saluton de la TEJA-kunsido de Parizo.
La prezidanto fermas la kunsidon je la 16a

La protokolanto
André Remond

TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO - - = T E J A.

Prez. Ĉefredaktoro C.Hilmer Johansson, "Östgöten" ,LINKÖPING,Svedl.
Sekr.-kasisto: Red. Einar Adamson, Värmlandsg. 18, GÖTEBORG,Svedlando
V. sekr.: Red. Niilo Kavenius,Schulzinkatu 10 as 14,TURKU,Finnlando
Estraranoj:Red. Henrik Karlsson, Box 68 , KISA ,Svedlando
Jurnalisto Wim Derks, Leenherenstr.24,TILBURG,Nederlando
Redaktoro Arnfinn Jensson,Box 942,OSLO, Norvegujo

Anstataŭantoj:
Redaktoro John Johansson, Stockholm, Svedujo
Redaktoro Viktor A. Östlund, Gustafsgat. 5, GÄVLE :Svedujo
Redaktoro H.C.Nielsen; Amts Avis,HILLERÖD,Danlando
Jurnalisto Agnes Mortensen,Tegelstrupsvej 31,KÖPENHAMN, Danlando
Jurnalisto Hilda Stewens, 25,Chalcot-square,Regent's Park,
LONDON N.W.1 ,Anglio

Revizoroj:
Redaktoro E.Ahlqvist,Göteborgs-Posten, GÖTEBORG ,Svedlando
Redaktoro Valfrid Göransson,Hallandsposten,Halmstad,Svedlando.
Xxxxxxxxx xxxxxxx XXXXXX xxxxxxx xxxxxxx XXXXXXX xxxxxx

NOVAJ MEMBROJ:

120 Premysl Tuma,redaktoro,Sokolska 29,PRAHA II,Ĉeĥoslovakio

121. Janis U murs,librotenisto kaj jurnalisto, Grones Landstr.14 (20 b) GÖTTINGEN,Germanujo

122 J. Zeman ,red. de "Prace" str.Beneŝova 28,JIHLAVA, Ĉeĥoslovakio

123 Stefan Seemann,Jelenia ul. ĉ.l.II p 7,BRATISLAVA,Ĉeĥosl.

124 Clem Kidd,ĉefredaktoro,Roma str.,BRISBANE, Australio

125 Hugenette Royer,Franca Esper. Radio/ Centra Esperantista Librejo/ 41 Rue Descartes PARIS, Francujo

126 Ayme Eychenne,Ferme Nautifaure,RAMIERS /Arige/ Francujo

127 D:ro Siegfried Ziegler, Engelbertstr. 7 (13 b/MUNCHEN-PASING Germanujo

128 Sven Erik Johansson, Sveda Lab. Esp. Asocio,Barnhusg. 8 n.b.ö.g,STOCKHOLM,Svedlando

28. Arthur S. Kanel ,1121 No Central Ave Apt 12 D. GRENDALE 2,California ,USA

129. Frank Maitland,22 Hamilton Park,LONDON N 5, Anglujo

130 Pauli Aalto ,ekonomia redakt. Kauppapuisto 40, VASA,Finnl.

131 Jung Hun Bak, 159 Mi-Ju-Ro 1-a strato, Sen Dai-Mun Ku, SEOUL ,KOREUJO

132 Henk Valckenier,Hartmans Allé 51,1,KÖPENHAMN-VALBY,Danlando

133 Tadros Megalli,Jurnalisto. P.B. 1914,CAIRO,Egiptujo

134 Sterjn Kukuŝev,ulica 20,N:r 11 PEŜTERA , Bulgario

105 Chun-Chan Yeh,verkisto kaj
135 Jurnalisto, King's College, CAMBRIDGE , Anglujo

136 Teo Jung, redaktoro,Harstenhoekweg 223 ,SCHEVENINGEN, Nederlando

137 Gabriel Katzianka ,redaktoro Rossauerlande 27, WIEN IX Aŭstrio

LA NOVA TEJA- ADRESARO

Ni nun preparas le novan adresaron de TEJA-membroj. Ni publikigos la adresojn nur de la membroj kiuj pagis aŭ pagos la jarkotizon por 1949 aŭ 1950 dum la proksima monato.